# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**PLENUMITA 27/09/2018 Tricentnaŭdektria eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

***Uzindaj ligoj. Klaku ligojn por kapabligi la malfermon*** *(aŭ eble Ctrl+kluku ??)*

**PMEGramatiko** *reta-vortaro* **Freelang Vortaro* **Plena Ilustrita Vortaro*

** Esperanta Retradio** *Google Translate** *Pasintaj eldonoj**

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Entute 727,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas 386,000 lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Nun studas 303,000 lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Nun studas 38.700 lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## GRAMATIKA SERIO "ĈU VI SCIIS?" N.ro 3 .



Teorie ĉiu vorto havas nur unu signifon kaj ĉiu signifo reprezentatas de nur unu vorto. Tio estas la kazo en Esperanto, sed la naturaj lingvoj ne kreskis laŭ logikaj principoj, sed laŭ kio plaĉis al la homoj. Tiu plaĉo estis ĝenerale komprenebleco, sed ofte ne. Tiel en la angla la vorto "*fine*" havas almenaŭ kvar malsamajn signifojn. Kaj la angla havas duoble pli da vortoj ol aliaj lingvoj por diri la samon. Krom krei vortojn por indiki la mondon kaj ĉion en ĝi, la homoj kreis certajn kombinaĵojn de vortoj por esprimi okazaĵojn. Tiuj kombinaĵoj, nomataj frazoj aŭ propozicioj, aperas en pluraj malsamaj formoj en la lingvoj de la mondo. La hind-eŭropaj lingvoj, kaj aliaj, kreis frazojn en kiuj oni mencias la erojn de okazaĵo en la vicordo de la maniero en kiu nia menso sekvas la erojn. En tiaj frazoj kutime la frazeroj komplementas antaŭan eron. Oni normale komencas per Subjekto, kiun komplementas la Verbo, kiun komplementas eventuala Objekto, kaj ĉiujn komplementas la Adjektoj. Tiu vicordo estas deviga en etnaj lingvoj, sed ne en Esperanto



*Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★




# Esperanto-domo de Sidnejo

La 12an de septembro Dr Amri Wandel sperte kaj interese prelegis en la Esperanto-domo de Sidnejo pri esploroj por trovi vivon ekster la Tero. La federacio donacis al li la Sidnejan T-ĉemizon.

Vidu fotojn. Pluraj personoj foriris antaŭ ol ni faris la grupfoton.



Amike, *Nicole Else*






Nicole Amri Dimitry



# ESPERANTO-DOMO SIDNEJO



**143 Lawson Strato, Redfern.**

Hieraŭ (la 22an de septembro) televidĵurnalistoj intervjuis Kiah Morante kaj filmis lin dum preskaŭ tuta horo dum li instruis Esperanton en la Esperanto-domo de Sidnejo.

Bedaŭrinde ni devis subskribi, ke ni ne informos pri kiuj ili estas kaj pri kiu programo temas. La elsendo spekteblos nur post 6-9 monatoj. Mi scivolemas kiujn partojn ili vere montros en la televido. Amike, *Nicole Else*





# Jen mia respondo al Franciska kaj Marcel:

Kara Franciska,

Bonŝance la opinio de Marcel pri aliaj esperantistoj tute ne gravas. Li rajtas opinii, ke homoj kiuj ne uzas liajn gramatikajn inventaĵojn estas stultaj. Li ankaŭ rajtas opinii, ke li neniam eraras. Li eĉ rajtas kredi, ke li estas pli bona esperantisto ol Zamenhof. Ankaŭ mi rajtas havi opinion pri liaj gramatikaĵoj, kaj mi decidas ne uzi ilin ĉu tio plaĉas al li aŭ ne.

Amike *Sandor Monostori*



# VIKIPEDIO EN ESPERANTO ATINGAS SIAN 250-MILAN ARTIKOLON




La 18-an de Septembro 2018 Vikipedio en Esperanto atingis sian 250-milan artikolon. La koncerna artikolo estas "Livaie", pri komunumo en Francio, kaj verkis ĝin kontribuanto Dominik. Legu ĝin ĉe https://eo.wikipedia.org/wiki/Livaie.

La Esperanto-lingvan version de Vikipedio fondis Chuck Smith la 6-an de novembro 2001. Kun la helpo de Jerry Muelver kaj Stefano Kalb, li publikigis la unuan version la 2-an de januaro 2002, kun pli ol 300 paĝoj.

Statistikaĵojn pri ĉiuj pli ol 200 versioj de Vikipedio oni trovas ĉe https://en.wikipedia.org/wiki/List_of_Wikipedias#Detailed_list, dum specifaj pri la Esperanto-versio troviĝas ĉe https://eo.wikipedia.org/wiki/Specialajho:Statistikoj.

Amike, *Katja Steele*



# Torquay Esperanto-Ekskurso

Dimanĉon la 21an de oktobro. Venu! Vidu AE 384on. Amike *Marumi Smith*



https://www.maitlandriverlights.com.au/

Kontaktu:-Andrew

aspannenberg@iprimus.com.au

📞 aŭ 0422 015 430

Venu! Subtenu Esperanton

amike, *Andrew Spannenberg*








# Eĉ en ĝardenoj kreskas esceptoj al la reguloj.



## LA GENIO DE ZAMENHOF.

Kvankam neniu homo neniam faras erarojn (kaj kiu decidas kio estas eraro?), tamen ekzistas sufiĉe da homoj kiujn ni povas nomi geniaj, pro elstaraj ideoj. Unu tia homo estas, laŭ mia opinio, nia Zamenhof. En lia kreado de (= ante al) Esperanto, li estis genia, ne pro la dek-ses reguloj, sed ĉar li donis al ni la ŝancon plibonigi la aplikadon de tiuj reguloj sen forlasi la de li donitan Fundamenton. KAJ la Fundamento KAJ tiuj liberoj plibonigi la aplikadon de tiuj Reguloj ebligas alperfektiĝon de la gramatiko. Ekzemplo estas la nun akceptita riĉa alikategoriigo de eĉ afiksoj, prepozicioj, kaj korelativoj. Kaj en siaj "Lingvaj Respondoj" li pli ol dek fojojn defendis iun formon ĉar "Esperanto devas esti logika" kaj nur unufoje li defendis escepton ĉar "Esperanto ne bezonas ĉiam esti logika". Plurfoje li kreis escepton al la reguloj, bonŝance, ĉar pro tio ni rajtas uzi tiajn esceptojn por plibonigi la aplikon de la gramatiko. Ekzemple substantivo indikas KAJ homon KAJ beston KAJ aĵon KAJ econ, sed li faris escepton por la substantivigitaj participoj kiuj ĉiam indikas nur homon. Kompreneble eĉ geniulo faras erarojn, sed en la kazo de Esperanto la erarojn kaŭzis lia timo ke la homoj ne akceptos lian lingvon. En la komenco lia timo estis tiom forta ("Ho, mia kor'"!) ke li enmetis en sian lingvon mallogikajn eŭropaĵojn, timante ke alie la homoj, ja eŭropanoj, ne akceptus Esperanton. Ekzemple antaŭ la apero de lia libro li estis klere kreinta unuvortan verban Pasivan Voĉon per speciala finaĵo, simila al mia verba Pasiva Voĉo per la limigita sufikso "-ati". Sed evidente li timis ke angloj, francoj, germanoj, ktp. akceptus nur duvortan Pasivan Voĉon, do li ĵus antaŭ la eldono de sia libro ŝanĝis sian unuvortan al duvorta Pasiva Voĉo, kvankam kelkaj nunaj lingvoj eŭropaj plu havas, post Latino, la logikan unuvortan Pasivan Voĉon. Tio estas nur unu tia ekzemplo, sed hazarde la plej grava, ĉar dum la tuta historio de Esperanto okazis interdiskutoj kaj interdisputoj pri tiu uzo de la participoj, rezultante eĉ en splitiĝo de la Esperantistaro en du batalantajn kampojn, la t.n. "atistoj kaj itistoj". Multaj forlasis Esperanton pro tiu kverelo. Kaj ĝi kompreneble ne finiĝis. Tiel ke Kalocsay iam eksplodis "Esperanto ne havas Pasivan Voĉon por verboj". Kaj li pravis, ĝis mi inventis ĝin Fundament'ece pro kaŝita regulo Zamenhof'a pri signiforeduktado (ekz. falanto = nur homo). Uzante tiun nekonatan regulon sian lia genio povigis nin solvi la Pasivan Voĉon (kaj la –ita-atan militon, ĉar la tiama decido de la Akademio estis malklera kaj mallogika). Aliaj ekzemploj de la genio de Zamenhof kaŭzis ke ni ne bezonis, kaj ne bezonas, ŝanĝi la Fundament'on de Esperanto (kiel iam postulis Akademiano Manders), kaj tamen alperfektigi la gramatikon. Unu celo de tiu alperfektiĝo estas, nenioigi la kontraŭ-Esperantajn asertojn de certaj lingvistoj ne-Esperantaj. Marcel Leereveld.

## MALRESPEKTO AL ZAMEMHOF.

Zamenhof estis tre klera, same kiel lia intuicio, ĉar li zorgis ke senescepte ĉiuj afiksoj konsistu el almenaŭ du literoj, por ke ili povu uzati kiel normalaj vortoj kun finaĵoj. Multaj

Esperantologoj estas tre kleraj pri Esperanto, sed ne sufiĉe kleraj. Tiuj kreis aŭ akceptis kaj uzadas, kiel escepton al tiu regulo, sufikson konsistantan el nur unu litero. Ĝi estas la litero "i", jam uzata por formi, kiel finaĵo, la infinitivon de verboj. Do dum oni povas, senescepte, fari el ĉiu alia sufikso substantivon, verbon, adjektivon, kaj adverbon (antaŭo, igi, ega, male), oni ne povas fari tion el la proponita sufikso "-i-" por landoj, ĉar la rezultoj estus jam ekzistantaj radikoj: La io; Tiu popolo volas ii; Tiu nomo estas ia; Li vojaĝis ie. Do tiu escepta sufikso tute malhavus la belan karakteron de Esperanto.

Ni ne povas nomi tiujn Esperantologojn idiotoj, ĉar ili estas kleraj, kelkfoje tre kleraj, pri la resto de la gramatiko (ni almenaŭ esperas tion), sed ili ne estas sufiĉe kleraj por senti kaj praktiki la belan karakteron de Esperanto. Ili amegas esceptojn, kaj praktike estas Ido-istoj. Bah!

Bedaŭrinde la ordinaraj Esperantistoj ne lernis sufiĉe pri la bela karaktero de Esperanto, kaj tial imitas tiujn kompatindajn Esperantologojn klerajn sed ne sufiĉe klerajn . Beh!

*Marcel Leereveld.*

## MALĜUSTA INTERESAĴO .

En ĵus antaŭa A.E. mi legis, ŝovitan en artikolon temantan pri alia afero, malĝustan interesaĵon pri la diskuto pri participoj en Esperanto, kvazaŭ iu viro antaŭ kelkaj jardekoj iniciatis la argumentadon pri tio kaj kvazaŭ li, la verkinto de la ĵusa artikolo, ĝuste komprenas la genian sistemon de la Zamenhof'aj participoj adjektivaj. Fakte se oni studas la historion de Esperanto oni trovas, ke la diskutado kaj la disputado pri la esenco de la Esperantaj participoj, kaj de la Pasiva Voĉo, okazis dum la tuta vivo de Esperanto, komenciĝante jam antaŭ ol Zamenhof publikigis sian libron. Tiam li klere estis enmetinta specialan verban finaĵon por unuvorta (verba) Pasiva Voĉo, simila al la verba Pasiva Voĉo kun la sufikso "-ati" inventita de mi, surbaze de la Fundamento, antaŭ kelkaj jardekoj. Ĵus antaŭ la publikigo de sia libro li ŝanĝis tiun kleran Pasivan Voĉon al eŭropeca duvorta Pasiva Voĉo, ĉar en tiu tempo li timis ke alie la francoj kaj germanoj kaj angloj ne akceptus lian lingvon. Li ja tre timis pri neakcepto ("Ho, mia kor'"!), kaj li cetere estis enmetinta plurajn aliajn eŭroplingvajn formojn, sendube pro la sama timo. Sed, verŝajne pro tempomanko, li formis la novan Pasivan Voĉon ne laŭ la eŭropa sistemo, kiu uzas du verbojn anstataŭ la Zamenhof'aj verbo kun adjektivo. Pro tio ne ekzistis verba Pasiva Voĉo, kaj oni devis, sen sukceso, ĵongli per "-ita" kaj "-ata", kio kaŭzis la gravan batalon inter Esperantistoj pri ita kaj ata, kiun oni ne kontentige solvis, kiel Kalocsay elkriis "Esperanto ne havas Pasivan Voĉon". Ĉar tiu problemo ne solvatis ĝis antaŭ kelkaj jardekoj, la uzantoj ofte faris erarojn pri ita kaj ata, kaj plu faras. Nur antaŭ du jardekoj la problemo solvatis per la uzo de "-ati", en kiu laŭ la Fundamento la verba sufikso "-ati" perdas sian tempindikon sed tenas sian pasivecindikon. Tamen miloj kaj miloj da Esperantistoj plu uzas la malmodernan, malĝustan Pasivan Voĉon, same kiel la kredantoj de la plata tero plu malakceptis dum jarcentoj ke la tero estas (preskaŭ) ronda. Pro tio mi kredas ke la akcepto de la momente nura ĝusta verba Pasiva Voĉo per unu vorto daŭros longe. La homoj, aŭ almenaŭ la tre spertaj (sed ne sufiĉe spertaj) Esperantistoj ja ne volas fari kion mi faris, nome post kvindek jaroj da malĝusta uzo konfesi ke mi malpravis. Ne konfesi ke oni malĝustis, estas la homa psiĥologio. *Marcel Leereveld.*

## NEATENDITA INTERKOMUNIKADO INTER ARBO KAJ ĜIAJ SEMOJ.

Dum mia vivo en neniu ĝardeno mi iam vidis ke semoj de cipresoj kaj cedroj ekkreskis ĉirkaŭ la patrina arbo; ili simple perdiĝis. Sed ĵus antaŭ ol mi ekokupis la domon kiun mi aĉetis, antaŭ duona jarcento, la antaŭa posedanto morthakis grandan cedron. Tuj, kaj dum pluraj monatoj, elkreskis cedroinfanoj ĉirkaŭ la mortanta aŭ mortinta patrincedro. Mi transplantis ilin al pli bonaj lokoj, kaj unu estas nun altega kaj vastega, dum kelkaj aliaj, en malpli bona sojlo, estas ankoraŭ kelkajn metrojn altaj. Du aliaj estas plenkreskintaj kaj havas semojn, sed tiuj estas plenkreskintaj sed ne tiom kiom la tre granda. Sed neniuj el iliaj semoj ekkreskas. La samo pri kelkaj centjaraĝaj cipresoj. Do evidente la origina kaj mortigita patrincedro komunikis al la semoj komenci kreski. Kiel? La sciencistoj ankoraŭ ne eltrovis, same kiel ili ankoraŭ ne eltrovis kiel la universo kreatis aŭ kreiĝis, aŭ kreis sin mem.

*M. L.*

## RESPONDO AL KOMENTO DE FRANCISKA.

Kompreneble ci pravas, ke mi iomete ŝercigis mian karakterjuĝadon. Ja klaras, ke mi ne trovas ĉiujn klerajn Esperantistojn amindaj, kaj ke la misuzantoj de la participoj estus malinteligentaj. Kaj sendube ci ŝercis samigi min al dio, ĉar ĉu mi kredas min dio se mi diras, eĉ ordonas, al miaj gefiloj ke la sumo de tri kaj kvar estas sep? Se miaj tezoj estus diecaj, ankau ĉiu cia instruado estus dieca. Kaj kiam mi klarigas la gramatikon, mi ne daŭre povas interrompi per "Sed tio estas mia opinio". Kompreneble miaj tezoj estas miaj opinioj. Sed en la multaj kazoj kie neniu penis pruvi miajn tezojn malĝustaj (ne simple dirante "Oh, mi ne samopinias kun vi"), mi kompreneble aspektas kiel la unua homo kiu diris ke la mondo estas ronda, ne plata. Ĉu li pensis ke li estas dio?.

Aliflanke la homoj kiuj ne volis kredi ke la tero estas ronda, ofte estis tre inteligentaj kaj tre spertaj en iu scienco. Do miaj ŝercoj signifas, kompreneble, ke tiuj Esperantistoj estas tre malinteligentaj nur pri tiu gramatika afero traktata, kaj tre inteligentaj pri aliaj partoj de la gramatiko (Mi esperas). En tiu kazo mi bone memoras ke iam en angla universitato la studistoj organizis, kun la helpo de la lekciistoj, serion da ekzamenoj pri diversaj fakoj kiujn ekzamenojn la lekciistoj subiris. La rezulto? Ĉiu lekciisto brilis en sia fako, kaj malsukcesis en preskaŭ ĉiuj aliaj fakoj. Post tiu eksperimento oni devis ĉesigi la ekzamenadon ante la lekciistojn, ĉar ili ne plu volis kunlabori. Konsekvence, ĉar mi ne estas dio nek Dio, mi malsukcesus en ĉiuj aliaj sciencoj ol lingvismo, kaj en amo kaj en arto. Tio estas la rezulto de la necesa specialiĝo.

Kaj responde al cia demando: Jes, ĉiu devas pensi, ne kredi, ke mi eble eraras, pri io ajn, kaj tial devas mem serĉi la pruvon de tiu eraro, aŭ peti kaj kompreni la pruvon de iu alia. Sed ne kredi la senpruvajn atakojn ante al miaj tezoj malantaŭ mia dorso, kiel oni tendencas fari, en Aŭstralio, en la (malklera)Akademio, kaj ĉe konataj eŭropaj Esperantologoj, kiuj ne povas pensi nek kompreni ekster siaj etnaj lingvoj.

*Marcel Leereveld.*

## KOMENTO PRI BRAVA PENO SIMPLIGI LA ROLON DE LA ADVERBO EN ESPERANTO.

En la ĵusa A. E. aperis kuraĝa modelo, ate de sinjoro Martin Purdy, por klarigi la funkciojn de la Adverbo en Esperanto. Unuavide la modelo estas bonega helpilo por komencantaj Esperantistoj, tre laŭdinda, **S E D** :

**1e**. En Esperanto, same kiel en aliaj lingvoj uzantaj gramatikajn propoziciojn, (*sentences*), la predikato indikas la agon kaj la Subjekto kaj la Objekto funkcias kiel substantivoj. Neniu diras "Pluvas baldaŭ venos", nek "Ruĝa aperas en la ĉielo". Subjekto kaj Objekto klare devas esti Substantivoj, aŭ funkcias kiel substantivoj. Tio estas la ritmo en nia menso, io agas sur ion.

**2e**. Se la Subjekto aŭ la Objekto estas infinitivo, ĝi tial funkcias kiel Substantivo. La eŭropaj lingvoj inteligente komprenas tion kaj en tiaj kazoj normale metas la Artikolon antaŭ la Infinitivon, kiu ja en tiuj lingvoj povas funkcii KAJ kiel verbo KAJ kiel substantivo; en Esperanto, tamen, ni kreis du vortojn por la du funkcioj, nome la Infinitivon kiel en "mi volas naĝi", kaj en la Substantivon kun –ado: "Naĝado plaĉas al mi". La fakto estas, ke la Esperantistoj devus uzi tiam la substantivon, ĉar la funkcio de Subjekto kaj de Objekto estas substantiva. Sed por mallongigi la lingvon laŭ la Regulo de Neceso kaj Sufiĉo ni uzas la verbon, la Infinitivon. Sed tiukaze la senco kaj la funkcio de tiu infinitivo restas substantiva. La eŭropaj lingvoj inteligente scias tion. Do se io difinas tian infinitivon substantivsencan, tiu io logike estu adjektivo. Zamenhof forgesis pri tio. Do " Naĝi estas saniga" kaj "Mi trovas naĝi saniga.

**3e**. Kelkfoje la formo de la Subjekto aŭ de la Objekto estas tuta frazo, subpropozicio, kiel "Ke li ne retrovenis". Se en tiaj kazoj oni determinas tian frazon, oni ne determinas nur la verbon (li eĉ NE venis!), sed la tutan frazon. Kaj kian kategorion havas frazo? Oni ne havas kategorion por tio. Do por scii ĉu determini per adjektivo aŭ per adverbo au per io alia, oni devas scii la funkcion de la frazo. Kaj ĝi ree estas Substantivo, ĉar ĝi estas Subjekto aŭ Objekto. Do "Ke li foriris, estas bedaŭrinda", kaj "Mi trovas bedaŭrinda, ke li foriris". Do la determinato estas ne nur la verbo sed la tuta frazo, funkcianta kiel substantivo. La ĉifoje logikemaj etnaj lingvoj komprenas tion, kaj ne diras "*I find drinking alcohol awfully*". Kaj ankaŭ la interna logiko de Esperanto scias tion, ĉar kelkfoje Zamenhof uzis kaj konsilis adjektivon en tiaj kazoj.

**4e**. Ĉar uzi en la ĉi supraj kazoj adverbon estas malĝusta, kelkfoje okazas miskompreno pri la signifo. Ekzemple : "Ili juĝis ke la knabo punatu malĝuste" = !) "Ili juĝis malĝuste ke la knabo punatu", kaj 2) "Ili juĝis ke la knabo malĝuste punatu", du tute malsamaj signifoj. En tiaj kazoj Zamenhof uzis kaj konsilis uzi la adjektivon: "Ili juĝis ke la knabo punatis malĝusta = Ili juĝis tion malĝusta". Nu, se laŭ amiko Purdy tio estas grava eraro, uzi la adjektivon, ankaŭ Zamenhof grave eraris. Sed mi opinias, ĉar Zamenhof bonŝance uzis ankaŭ la adjektivon, ankaŭ ni rajtas uzi la adjektivon, kaj konsekvence ĉiam, por esti regulemaj sen esceptoj. Nur tial mi kuraĝas ĉiam uzi la inteligentan adjektivon, obeante la uzon de Zamenhof. Se oni deziras ne esti logika, oni en ĉi tiu kazo eĉ rajtas, ĉar Zamenhof uzis ankaŭ la adverbon. Do la instrua modelo de amiko Purdy devus enhavi la konsilon "Vi povas uzi kion vi volas".

**5e**. Jen tri pliaj ekzemploj ke la adjektivo DEVAS uzati, pro miskompreneblo: **A**. "La sciencisto trovis hazarde/a, ke la planto ne eksterminiĝis". **B**. " Ni opiniis malĝuste/a, ke la infano estu punota". **C**. "Ili konsideris puni lin kontraŭregule/a".

*Marcel Leereveld*.



## ? David Gould ?

Saluton kara Roger.
Pri la jena demando de Trevor Steele en la lasta Aŭstraliaj Eperantistoj revuo:
En la reto mi trovis almenaŭ du instancojn en la pasintaj "*The Australia Esperantist*" (1975 kaj 1980) revuoj kie troviĝas la nomo David Gould..
Amike, *Vasil Kadifeli*

• **SYDNEY:** 21/7 okazis diskuto pri la valoro de interspaca kunlaboro de Usono kun Rusujo. Gastparolanto Eunice Graham el Manly, 28/7, montris lumbildojn pri vidindaj marbordejoj de la mondo, de San Francisco al Kimrujo, de Dubrovnik al Hong Kongo kaj revene al Aŭstralio de Cairns al Sidnejo.
Je 11/8 S-ro David Gould parolis pri viraj modoj dum pasintaj jarcentoj kaj ni konstatis ke viroj agas kiel pavoj.

http://www.esperanto.es:8080/jspui/bitstream/11013/4116/1/The%20Australian%20Esperantist_1980.pdf
http://esperanto.es:8080/jspui/bitstream/11013/4111/1/The%20Australian%20Esperantist_1975.pdf



## "Malgrava historieto pri mia vivo" Bob Felby

### Ĉapitro 16 Loĝas en Aŭstralio Kaj mi eklaboras en Adelajdo. Sepa ero



En antaŭaj tempoj nur maljunuloj havis barbojn. Ili aspektis saĝaj. Nuntempe nur junuloj estas saĝaj, kaj tial ili ornamas siajn vizaĝojn per barboj. Kaj mi, ĉar mi sentis min ankoraŭ juna, kreskigis mian barbon, ĉar kelkaj studentoj persvadis min, ke mi estas pli bela kun barbo. Tio daŭris eĉ ne du semajnojn, ekde tiam mi razas min minimume unu fojon ĉiutage ! Cetere, la barbo ne plu estis ruĝa, ĝi estis jam griza !

Mi petis iun altan sinjoron en la universitato, ke li donu al mi kaj miaj esperantistoj senpagan ĉambron ĉiun semajnon en la vespero. Li konsentis, kaj Esperanto iom post iom reviviĝis ankaŭ en Adelajdo. Venis eĉ f-ino Win Addis al niaj kunvenoj, sed kompreneble ne ĉiun fojon.

Mia laborestro en la universitato estis anglo. Li estis ekspolicisto en Anglujo, kaj imagis al si, ke ankaŭ mi estas kruelema, ĉar mi estas eksnoktogardisto. Iom post iom li eltrovis, ke mi estas tute normala, kaj komencis malŝati min. Fine li devis serĉi alian laboron, kaj tion li trovis en Sidnejo kiel noktogardisto.

Sed tiam oni dungis alian. Ankaŭ li estis ekspolicisto angla. Ŝajnas ke la angloj ricevas la plej bonan laboron en Aŭstralio. Li estis pli robota ol homa, kaj, verŝajne ĉar mi ne estas anglo, li maldungis min. Mi iris tuj por plendi ĉe pli alta loko en la universitato, kaj post kelkaj kunvenoj kun ili, oni decidis, ke mi ree dungatu. Anoncinte tion al mi ili ŝokiĝis, ĉar mia respondo estis, "koran dankon, sed mi decidis ne plu labori ĉi tie, ĉar vi traktas viajn laboristojn tiom malbone!"

Strange, sed post tiam, ni daŭrigis la senpagajn kunvenojn en la universitato.

Ĉar mi ne plu laboris en la universtitato, mi eklaboris en skatolfabriko. Ne, ne ! Ni ne faris ladskatolojn, nur kartonskatolojn. Supozis mi, ke kartono ne estas tiom malbona kiom ligno, sed vere, la eĝoj de kartono povas esti eĉ tre akraj, kaj la tutan tempon ili tranĉas al la laboristoj la fingrojn. Mi laboris kaj laboris, sed nur dumtage. Mia laborgvidanto estis anglo, kaj tio estis ankaŭ lia edzino, kiu estis laborgvidantino. Vi povas imagi al vi, kia ŝi estis, ĉu ne ?

La laborestro en la oficejo estis aŭstraliano. Kiam li dungis min, li diris, "mi ne ŝatas danojn!" "Kial ne ?" demandis mi. "Ĉar ili postulas klarigon pri ĉio, kion mi diras. " Ĉu vi konas iujn danojn ?" demandis mi. "Jes, vin !" respondis li. Stranga, eĉ strangega strangulo estis li. Iam nederlandano venis por peti laboron. Kiam li aŭdis: "mi ne ŝatas nederlandanojn !" tusetis iomete la oficejestro, kaj la laborestro ruĝiĝis. Ĉu necesas diri, ke la oficejestro estis nederlandano ? Evidente la fifierulo kondutis tiel al ĉiuj, ne gravis, ĉu ili estis nederlandanoj, italoj, grekoj aŭ kio ajn. Li estis tia homo, kiu bezonas viziti psikiatron, ĉu ne ?

*Daŭrigota* *BobFelby*



**BRISBANA ESPERANTO - SOCIETO**

kunvenas la trian sabaton ĉiumonate, 13:30h

Brisbane Square Biblioteko, Adelaide St.

Vizitantoj estas bonvenaj

Lastan semajnon TES & BES membroj, Sandra Connors kaj Linda & Petro Danzer ĝojis pri la florekspozicio en multaj parkoj kaj privataj ĝardenoj tute tra Toowoomba.

*Petro Danzer*

